# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 391

**Redakto-skipo**

Direktado: Juanjo Vera

Kompostado: Jorge Pavón

Revizio: Miguel Hernández, Jesus García Cano

bulteno(cxe)esperanto.es



**Hispana Esperanto Federacio**

***Federación Española de Esperanto***

Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7

ES-28015 Madrid

admin(cxe)esperanto.es

Tel (34) 914468079

Konto en BBVA:

0182-1252-31-0204011961

Nuntempe ni ne havas fiksan deĵorhoraron, bv. lasu vian mesaĝon al automata telefonrespondilo (914468079) aŭ sendu poŝtinterretan mesaĝon al admin(cxe)esperanto.es. Dankon

Estraro:

**Prezidanto:** Pedro Hernández

**Sekretario:** Félix Manuel Jimenez

**Kasisto**: Raul Martinez

**Voĉdonantoj**: Miguel Hernández (Junulara Sekcio), Juan Trenado Serrano

Presejo: Gráficas Aurora, Zaragoza
DL-Z-334-90

*"Ne vivu kiel vi volas, vivu kiel vi povas."*

*Esperanta Proverbaro*

## Finsomeraj rimarkoj

Kun la ŝanĝo je la eldonfrekvenco de tiu ĉi organo kiun vi havas ĉe-mane, ĝi iĝas sezona. Tio estas, po 4 numeroj jare, do ĉiu numero aperos post ĉiu sezono –se la afero sekvas tiel bone kiel ĝi komencadis antaŭ unu numero kun la nova redaktora skipo–. La somera numero de ĉi jaro, tiu de vi legata nun, estas resumo de la novaĵoj kaj agadoj okazintaj en tiu epoko, kiam oni ofte ferias kaj, eĉ, pigras. Eble pro tio, ke la homoj ne multe laboremas (aŭ laboradas) okazas aranĝoj tiaj kiel kongresoj, internaciaj renkon-tiĝoj, seminarioj, ktp.

Komence, okazis nia jara oficiala renkontiĝo tutnacia: la Hispana Kongreso, kiu estis organizita en la belega urbo Santiago de Compostela tre diligente de la tiea E-grupo, Galega Esperanto-Asocio kies laboro estis nepagebla. La kongreso estis program-plena kaj tre interesa kaj la ĉeestintoj tre amuziĝis per la ekskursoj kaj vizitoj malgraŭ la malfacilaĵoj kiujn havis la estraro de HEF por la reklamado kaj kunordigado siavice. Tamen, la orga-nizado de tiu kongreso estas sekva paŝo por la starigado de vera federacio de esperantismaj grupoj kunlaboraj inter ili tra la tuta ŝtato.

sekva paĝo 

kovrila foto: La legantoj en la omaĝo al Miguel Hernández

(de la antaŭa paĝo)

Kun la piedoj en Galegio, multaj havis ilian menson en alia loko, pasinte la Atlantikon: Kubo. Tie estis okazonta alia granda, jare aranĝita, oficiala renkontiĝo: La 95a Universala Kongreso kaj ankaŭ, en la sama lando, la Internacia Junulara Kongreso, organizitaj respektive de UEA kaj de sia junulara sekcio, TEJO. Sed la afero ne finiĝas tie. Tiu ĉi somero, ofte rigardita kiel neaktiva periodo, estis, fakte, tre mova: niaj francaj najbaroj organizis festan kaj kulturan aranĝon en Okcitanio: FESTO, ĉi-jare en la urbo Tuluzo. Laŭ la ĉeestintoj, kaj malgraŭ la malfacilaĵoj kiujn spertis la organiz-skipo pri la lokado de la eventejoj, estis amuza sperto kie oni ne nur povis ĝui muzikon en esperanto sed ankaŭ teatraĵojn, seminariojn kaj kursojn pri la okcitana kaj pri la kataluna lingvoj montrante la bonajn rilatojn kiuj ekzistas ambaŭflanke de la Pireneoj. Ene de nia lando okazis ankaŭ pluraj neformalaj renkontiĝoj kun homoj venintaj de pluraj landoj jen por ferii jen pro laborkialoj.

Ankaŭ, la internacian lingvon ni povis trafi en la amaskomunikiloj: Televisión Española (la ĉefa publika nacia televidkanalo) elsendis raporteton pri la evoluo de la esperanta movado en la programero "¿Te acuerdas?" ene de la taga informilo. Aliaj televidkanaloj (kiel la brita BBC aŭ la usona CNN) kaj pluraj ĵurnaloj komentis, kiel kutime, aferojn pri nia lingvo kaj movado. Profitante tiun momenton kiam oni ankoraŭ povas aŭdi pri Esperanto en tiuj komunikiloj ni devas labori intense por diskoni la utilecon kiun ĝi havas por la internacia komunikado kiel neŭtrala ilo kiu garantias la gardadon de la ĉiesaj lingvaj rajtoj – speciale en nia

ĉirkaŭo, kie la kultura tutmondeco kaj la rilato kun aliaj landoj ene de la Eŭropa Unio strebigas nin al unulingva kvazaŭkolonia modelo pri komunikado.

Ĉar Esperanto, kiel lingvo, kaj nia movado estas tre rilata al la kulturo, mi ne volas fini mian skribadon sen memorigi pri homoj kiel la antaŭnemulte forpasinta José Antonio Labordeta kiu, kun siaj kantoj kaj poemoj, kun siaj televid-programoj kaj kun sia agado antaŭ la fino de la diktatora periodo kaj dum demokratio senĉese luktis pro la libereco, la egaleco kaj la kulturoj de la pluraj popoloj en Hispanio.

La redaktisto

# Eksterordinara Ĝenerala Kunsido

La 4an de julio 2010 je la 10a horo matene ĉe "Salón de Actos" de la Fondaĵo Caixa Galicia, strato Carreira do Conde, 18, okazis Eksterordinara Ĝenerala Kunveno de la Hispana Esperanto Federacio (HEF), kiu estis alvokita de la Prezidanto pere de poŝtaj leteroj. Partoprenis 15 anoj kaj aliaj 5 estis reprezentitaj de tri el la ĉeestintoj. Ĉeestantaj estraranoj: Félix Manuel Jiménez (Sekretario).

Konforme al artikolo 24 el la Statuto de la Asocio, la Prezidanto Pedro Hernández delegis iliajn funkciojn por prezidi la kunvenon al la ano Jesús García Cano, kiu malfermas ĝin kaj transdonas la parolon al la Sekretario, kiu ekdisvolvas la tagordon:

**1.- Aprobo de la protokolo de la antaŭa kunveno**

➢Oni aprobis unuanime la protokolon de la antaŭa kunveno, kiu aperis en la "Boletín" n-ro 390, ĉar oni ne ricevis iun komenton.

**2.- Informo pri la anoj:**

➢Aniĝantaj je la dato 30a junio 2010 (maksimume ŝuldas du jarkotizojn):

<u>Individuaj</u> (OM, DM, PM kaj HM): **200** (el kiuj 11 apartenas la junulara sekcio HEJS)

<u>Kolektivaj:</u> **13**

<u>Entute:</u> **213**

➢7 membroj ŝuldas du jarkotizojn (2008 kaj 2009), 15 ŝuldas unu jarkotizon (2009), 2 aniĝis dum 2009 (ĝis 2010-06-30), 30 malaniĝis dum 2009 (ĝis 2010-06-30) (5 pro forpaso kaj 25 pro ŝuldo de pli ol du jarkotizoj)

➢La Sekretario komparas ĉi datumojn kun tiuj el la informo de la kunveno 2009 kaj notindas, ke kvankam la nombro da anoj daŭre malplialtiĝas, la plejmulto el la malaniĝintaj estas pro kotizŝuldo kaj oni konstatas tiel, ke la nombro da anoj stabiliĝas. Tamen por daŭrigi la Asocion oni bezonas novajn anojn.

La kotizoj por la jaro 2011 restos same ol tiuj de 2010.

**3.- Projekto 2010**

➢Renkontiĝoj: oni organizis kun EMAS (Esperanto-Manĉa Asocio) Iberian Renkontiĝon IRo2010 en Almagro dum aprilo.

➢Interna Organizado: Daŭras la bitigado de eroj el la Biblioteko (revuojn kaj fotojn). Oni formis "Redaktoran Skipon" por "Boletín" kaj oni esperas, ke ĝi denove regule aperos.

➢Disvastigado: Ĉi-jare daŭras la panela ekspozicio; ĝi estis en Almagro (Reĝurbo) dum IRo2010 kaj oktobre estos en Kultura Centro Madrido (kvartalo Villaverde). Kursoj: Pedro Hernández gvidis du kursojn (komenca kaj progresinta) en la madrida oficejo.

**4.- Petoj kaj demandoj:**

➢La ano J.M. Iturriotz faris kelkajn komentojn kaj demandojn, kiujn respondis la Secretario nome de la Estraro:

*–Ĉu oni pensas, ke ĉi Kongreso estas fiasko.*

-Nome de la Estraro mi ne konsentas. Persone, laŭ mi sufiĉus la ĉeestado de dudek esperanto-parolantoj por havi sukcesan kongreson. Ĉi tie ni estas preskaŭ kvindek kaj la etoso kaj la organizado bonegas, do indas gratuli al la organizantoj.

*–Kio vere okazis rilate al la kverelo, kiu provokis la demision de la redaktoro de "Boletín" pasintan septembron (2009), pro kio la eldonado de "Boletín"* ege *prokrastiĝis.*

-Mi ne donos nomojn ĉar vi ĉiujn konas tiujn detalojn. Okazis atakojn kontraŭ UEA fare de iu organizo. Antaŭ tio, HEF devis klare engaĝi sin kaj defendi UEA-n (bonvolu vidu la deklaron el la Estraro en "Boletín" n-ro 389). Mi supozas, ke mi ne devas klarigi al vi tion, ke HEF devas defendi UEA-n pro sia aniĝo al ĉi lasta. Nu, ĉar la antaŭe menciita deklaro aperis por ĝia aprobo en la tagordo de la estrarkunsido de 29/09/2009, subite demisiis la antaŭa redaktoro, kiu rifuzis partopreni en la kunsido neante tiel sian rajton debati. Se li estus partopreninta en ĝi, ni estus aŭskultintaj liajn argumentojn, pri kiuj ni scias nenion. Vi scias, ke en asocio oni devas demokratie debati kaj ne altrudi ideojn, tamen la opinio de ununura homo estis altrudita al ceteraj homoj. Mi finos dirante, ke ĉi afero ne estas naiva, ĉar antaŭ la apero de la deklaro de HEF, HEF havis problemojn kun UEA pro mankado de klara sinteno. Rilate al ĉi afero, nune HEF tute indiferentas pri iu ajn ekstera provokado. Se ĝi okazus, simple HEF ignorus ĝin. Rilate al la malfruo trovi novan redaktoron, la Estraro prenas la responson sur sin, sed mi volas aldoni, ke parto de tiu responso ankaŭ apartenas al la anoj, ĉar la Estraro daŭre petis helpon al ili kaj ricevis neniun respondon; ni ĉiuj estas HEF. Memoru pri la volonteco de la estrarpostenoj. Neniu enspezas salajron por fari ĉi laboron, kaj rigardante tiel la aferon, la Estraro estis povinta plene demisii, sed ni ne faris tion kaj eltenis la ŝtormon.

*–Plendo pro la mankado da informo dum preskaŭ sep monatoj, enkalkulante ĉion rilate al la Hispana Kongreso.*

-Nome de la Estraro mi konsentas. Estis tro da monatoj sen informado kaj eble tio influis en la aliĝado al ĉi Kongreso. Kaŭzis ĉion la malfrua eldonado de "Boletín", sed tio ne ekskuzas la Estraron ĉar ni povis fari sendadon da leteroj al anoj ekzemple. Ni konstatis tion, kiam pli ol duono el la anoj ne uzas interreton, tial la uzado da ordinara poŝto daŭre nepras por la bona funkciado de la Asocio.

*–Kial ne ĉeestas la Prezidanto en la Kongreso?*

-Kiel Sekretario de HEF, mi prenas responson reprezenti la tutan Estraron kaj petas pardonon pro la malmulta ĉeesto da estraranoj en la Kongreso, tamen aliflanke mi ne scias kial ne ĉeestas la Prezidanto, ĉar mi ne ricevis oficialan komunikon klarigante ĉi malĉeestadon.

*–Kial estas nek esperanta flago nek granda afiŝo pri la Kongreso?(Ĉi demando estas por la Loka Kongresa Komitato)*

-Tio, kion la Sekretario de HEF povas diri estas, ke HEF neniam ricevis iun ajn peton el la LKK petante ĉu afiŝon, ĉu esperantan flagon. Iel ajn HEF ne havas e-flagon. Tamen, se la LKK estus petinta ĝin, eble HEF estus demandanta al la federaciitaj asocioj por atingi ĝin. Ĉi-rilate HEF ankaŭ komentas, ke antaŭ monatoj ĝi petis al LKK kongresan buĝeton por taksi pere de ĝi la trafecon kontribui per mono al la organizado, ĝuste kiel eksplikas la dokumento "Kiel organizi Hispanan Esperanto-kongreson", kiu enhavas la aprobitan regularon antaŭ jaroj. Ĝis hodiaŭ HEF ricevis nek buĝeton nek iun respondon el LKK, tial la faritaj kaj aŭskultitaj asertoj pri la "manko da helpo el HEF al la kongresaj organizantoj" devas esti nuancitaj de ĉi faro, ĉar HEF estis ĉiutempe misinformita.

*–Kien iras HEF?*

-Ĉi demando estas en la menso de ni ĉiuj, tamen mi etendus ĝin tiel: kien iras ĉiuj esperanto-asocioj? Tute ne eblas klare kaj kontentige respondi ĝin. Pripenso farita de la Estraro konstatas, ke la Socio draste ŝanĝiĝis, kaj dume HEF (kaj la ceteraj e-asocioj) ne bone adaptiĝas al tiu ŝanĝo. Oni rimarkas grandegan nesciadon pri Esperanto de la novaj generacioj, nesciadon ne ekzistanta en la antaŭaj. Do, ni devas prilabori la manieron "al-proksimiĝi" al ĉi nova Socio por denove fari alloga kaj la lernadon de la lingvo kaj la aniĝadon. Nia politiko por venontaj jaroj devus esti tiu-cela.

➢La ano Rafaela Urueña aldonas la sekvajn komentojn: la Prezidanto nepre devus ĉeesti la Kongreson gvidante ĉi Kunvenon, HEF devis doni pli da helpon al LKK, kaj rilate al la afero de la kverelo antaŭe menciita, ŝi asertas, ke vere HEF devas apogi UEA-n kaj sin apartigi el iu ajn organizo, kiu povus misfamigi ĝin (UEA).

➢La Sekretario indikas, ke ĝis nun ne estas firma kandidateco por organizi HK-on 2011, tamen Pedro Hernández sugestis El Escorial (Madrido). Do, restas en atendo la decido pri la loko de la HK2011.

➢La Sekretario proponas baloton por ŝanĝi el 5-jare ĝis 4-jare la nombron da eldonotaj “Boletín”, tiel ĉi nova kvanto, kiu fakte signifas trimonatecon, permesos plibonigi la organizadon por eldoni ĝin. En la balotado partoprenis 17 anoj, el kiuj 15 balotas favore al ŝanĝo kaj unu sindetenas, do pro majoritato oni aprobas la proponon.

➢Post la demisio dum 2009 de la antaŭa “Komitatano A” de HEF ĉe UEA, neniu ano kandidatiĝis por la posteno, tial la Sekretario bonvole petas de iu ajn ano, kiu ĉeestos en UK2010 en Havano (Kubo) akcepti provizore la postenon por reprezenti HEF tie. Finfine Luis Hernández akceptas esti “Komitatano A” en UK2010.

➢Sen pli da pritraktindaj aferoj, je la 11:00 h la ano delegita de la Prezidanto fermas la Kunvenon.

La Prezidanto, Pedro Hernández

La Sekretario, Félix M. Jiménez



## Forpasis Gerardo Flores



La 9an de aprilo 2010 forpasis Gerardo Flores Martín, 96-jaraĝa, membro numero 1 de Madrida Esperanto-Liceo kaj eksprezidanto de MEL kaj de HEF.

Gerardo estis unu el la agantoj kiuj efektivigis la aĉeton de oficejo por HEF en 1971 en la centro de Madrido, kaj la homo kiu plej multe donacis al la fonduso por tiu aĉeto.

Kondolencojn al lia vidvino Antoñita.

# Hispana Kongreso de Esperanto

En Santiago okazis la 69a Hispana Kongreso de Esperanto el la 2a ĝis la 5a de julio de 2010, organizita de galegaj esperantistoj el la Galega Esperanto-Asocio. Inter aliaj programeroj kaj prelegoj okazis prelegoj pri la Jakoba Vojo kaj similaj pilgrimadoj en Japanio, meso en Esperanto en la katedralo!, nome en la kapelo de Sankta Andreo, vizito al la Estuaro de Aroso kie la kongresanoj povis viziti domon de Rosalía de Castro kaj surŝipe gustumegi precize surloke bredatajn mitulojn kaj vizito al la urbo Kompostelo gvidate de historiistino Gualteria Muiños, kiu same prelegis venont-tage pri la konceptoj de malbonaj virinoj en historia arto kaj pri ties figuroj ĉe la katedralo. Oni povis ankaŭ partopreni en respektivaj kursetoj pri Esperanto (paroliga) kaj pri la galega (enkonduka).

Partoprenis ĉirkaŭ kvindeko da esperantistoj, kiuj profitis la okazon por praktiki la lingvon, lerni aferojn rilate al la galegiaj regiono, lingvo kaj kulturo kaj distri sin en kompano de samideanoj el la tuta lando krom kelkaj (malmultaj) eksterlandanoj. La lokaj organizantoj ege penis por proponi interesajn debatojn, vizitojn kaj programerojn, ĉefe kontakte kun la loka kulturo. Ni ĉiu konsciu pri malfacilo kaj strebado necesa por organizi tiajn eventojn, do ni danku ilin pro ĉio tio.

Pli precize la konatiĝo kun urbo Santiago fare de lokanoj kaj spertuloj pri lokaj historio kaj monumentaro



kelkaj kongresanoj



Jen gvidistino Gualteria montrante kuriozajn detalojn pri urbo Santiago



klarigo pri la poetino Rosalía de Castro

estis ege inda maniero aprezi turismaĵon pri kiu neesperantistoj povas koni nur la turisman aspekton, sed ne tiom pli humanajn aferojn. Same direndas pri la vizitoj al la komarko (rio de Aroso) kun kono al la mara medio kaj pri la ekonomio de la bredado de mituloj kaj aliaj frandindaj marbestoj. Rilate al prelegoj kaj pli seriozaj aferoj oni diru ke kelkaj programeroj pritraktantaj galegaj temoj (muzeoj) kaj galegaj gravuloj de la regiona kulturo ĉefe temis pri konservado de popolaj valoroj kaj pri la lukto plialtigi la rangon de la galega lingvo, kaze de Rosalía, Otero, Xesús Alonso Monteiro, Gualteria Muiños ktp. En tiu direkto la kongresanoj ricevis ege valoran kongreslibron bone prilaboritan kun bukedo de tekstoj poeziaj, tradukaj, kotopoaj rilate al la ĉijaraj temoj.

Kortuŝa estis la partoprenado en tipa Brulbranda desorĉo (queimada) kun rigardado al lumbildoj pri popolaj kulturaĵoj kaj regionaj aferoj kaj ĉefe kun recitado de la desorĉa kanto tradukita de Suso Moinhos. Kaj same direnda pri donacoj ricevitaj kaj traktado fare de la organizantoj.

Dankon al ĉiuj: Lourenzo, Elvira, Suso kaj ĉiuj aliaj.

Kani



bruligado de brando (queimada)



Lernante galegian kulturon. Mituloj kaj ribejro



placo *Platerías* (Vikipedio)

# Kongreso de Valencia Esperanto Federacio

Dum la 10-11a de julio okazis en la vilaĝo Cheste (Valencio), kiu jam festis la 100-an datrevenon de la loka E-grupo "Lumradio", la kongreson de la Valencia Esperanto Federacio.

Partoprenis samideanoj el la provincoj Valencio kaj Kasteljono (kun reprezentantoj el diversaj urbetoj).

La etoso, kiel ĉiam tie, estis ege agrabla. De la programo, ni povus mencii kiel ĉefaj eroj la Akcepto ĉe la urbodomo, kie inter alie okazis omaĝo al la poeto Miguel Hernández (kun deklamado de du el iliaj poemoj, far esperantistino de la apuda vilaĝo Chiva), salutvortoj fare de la aŭtoritatuloj kaj reprezentantoj de la diversaj e-asocioj, Festparolado fare de la prezidanto de la loka asocio, Pepe Manzanera, video-projekciado fare de Augusto Casquero, kaj fine gustumado de lokaj bongustaĵojn.

Prelegis doktoro Ismael Ejarque, sub la titolo: "Heredita kancero", ege interese. Ankaŭ prelegis Augusto Casquero, pri la temo: "Esperanto en Ĉinio kaj Vjetnamio. Ankaŭ okazis kelkaj aliaj programeroj. Unuanimece oni decidis okazigi la kongreson de la venonta jaro en la apuda vilaĝo Chiva.

La valencia ĵurnalo Diario Levante aperigis longegan artikolon kun foto pri Esperanto kaj Cheste, kaj ankaŭ la televid-kanalo aperigis belan programon pri la sama temo. Jen la artikolo: http://tinyurl.com/2ufkb2h

Fine okazis bonega, bongustega bankedo.

Augusto



komuna pozado de la partoprenantoj

# Omaĝo al Miguel Hernández en "parque del oeste"

Sabaton, la 12an de junio en Madrido okazis omaĝo al Miguel Hernández, organizita de Madrida Esperanto Liceo kaj Hispana Esperanto-Federacio. La aranĝo okazis apud monumento dediĉita al poeto en "Parque del Oeste", iomete difektita de surstrataj festoj, kiuj verŝajne estas la nura kompanio de la poeto. Almenaŭ dum semajnfinoj li estas ĉirkaŭita de junuloj, inter kiuj probable iu rememoras la nomon de tiu silentema akompananto kun mieno de bonkora kaj vigla homo, vizaĝronda, kiel la tradicia pano de popolo.

La omaĝo komenciĝis je la 8a kaj tien alvenadis ni: kolegoj, konatoj, interesigitaj... dezirante aŭdi kiel Ana Manero kaj Miguel Fernández (tradukisto de la verko de la poeto al Esperanto) legas la poemojn de tiu ĉi universala genio.

Inter kunvenintoj estis Esperantistoj kaj simpatiantoj, kaj ankaŭ kelkaj parencoj kaj multaj amikoj. Ni ĉiuj volis kulti la poeton kaj elvoki lin kaj akompani lin en tiu jaro, kiam oni solene honoras la centjaran dat-revenon de naskiĝo de Miguel. Kiel ĉiuj scias, centjariĝo estas bona okazo por venko de justeco.

Je antaŭaranĝita horo, Ana kaj Miguel sinsekve deklamis kaj legis poemojn duope, tiel kiel faris antaŭ multaj jaroj du grandaj amikoj de la poeto: García Lorca kaj Neruda en Argentino. La diverseco konsistis en tio, ke Ana kaj Miguel legis ilin en Esperanto kaj en la hispana lingvo, tamen tre eble ili legis kun sama spirito, sama ĝojo kaj sama amikeco. La fakulo klarigis momentojn aŭ anekdotojn de la vivo de la poeto kaj ni, la spektantaro, tenis sin silenteme. Versoj kuris sur la haŭto laŭ voĉondoj kaj emocioj hirtigis sentojn.

Ana kaj Miguel fascinis ĉiujn kaj sukcesis revivigi Miguel Hernández en tiel signifplena dato. Danke al ili la poeto estis tie akompanante nin kaj, eble neintence, humanigante nin.



# Prelego en madrida mezlernejo



La 4an de junio de 2010 okazis prelego pri Miguel Hernández en madrida Mezlernejo "Eijo y Garay", okaze de centjara dat-reveno de lia naskiĝo.

En aŭlo plene okupita de 100 lernantoj, kun ĉeesto de 10 instruistoj kaj direktoro de la institucio, Miguel Fernández, tradukisto de la verko de Miguel Hernández al Esperanto, prezentis prelegon en la hispana al ĉeestantaro. Tiam estis la unua fojo, kiam tiu specialisto parolis antaŭ grupo de junuloj (de 11 ĝis 18 jaroj) en lernejo. La iniciativo estis granda sukceso danke al entuziasmo de la preleginto, same kiel al lia vasta scio pri la pritraktita temo kaj al ampleksa esploro celanta traduki la poezion de Miguel Hernández al la Universala Lingvo.

Miguel Fernández akompanis la prelegon, kiel li ĉiam grandioze faras, per deklamado de poemoj en la hispana kaj en Esperanto, kiuj, kiel li bone klarigis, donis al junuloj la unuan rektan kontakton kun la Universala Lingvo pere de plezuro de deklamado kaj delico de legata kaj kune aŭskultata verko. La celo estis konkeri per poezio de Miguel kelkajn el tiuj junaj koroj. Konkeri koron per vortoj de la poeto kaj pluiri laŭ vojo de legado, tio ĉi estas dono, kiun neniu generacio devus forgesi aŭ perdi.

Kiuj estis tie, ni kredas, ke li sukcesis, eĉ sukcesis pli, ĉar multaj el ni ne povis eviti kortuŝiĝi, kaj ni devas ege danki, ĉar tio, kio emocias nin, sentigas nin vivante.

Fine, Miguel ekparolis frazon, kiu restis en memoro de ĉiuj pro tre simpla kialo: li sukcesis, ke tiu kara poeto estu pli proksima al ni kun siaj vortoj: “Vivu poezio, vivu Miguel Hernández kaj vivu libereco”. Post tio ĉi, ne necesas vortoj: unuanima aplaŭdo kaj emociplena gratulo de grupo de instruistoj, kiuj dankis pro lia pasio kaj pro la fakto, ke li donis al ili pli da scio por kompreni kaj senti la poeton, kaj ankaŭ ĉar li donis al ili la eblon aŭskulti la poezion en la Universala Lingvo, pri kiu multaj montriĝis skeptikaj, kaj, kiun danke al Miguel ili malkovris kaj provis ĝiajn eblojn kaj ĝian sonoran kaj poezian plastikecon.



# Raporteto en TVE pri esperanto

La nostalgio triumfas en la ŝtata televido, TVE. Post la granda sukceso de televida serio pri antaŭaj jaroj, fikcia, sed uzanta malnovajn filmaĵojn de tiu epoko, la stacio decidis profiti sian plejan atuton kompare kun privataj stacioj, sian bonegan historian arĥivon. Kaj do, eĉ en la novaĵelsendo oni nun uzas tiun materialon, ili eĉ kreis specifan triminutan programeron, ĉiujn semajnfinojn, kun la titolo "Ĉu vi memoras?", en kiu oni elmontras malnovajn filmaĵojn, miksitajn kun raporto pri la aktuala stato de la koncerna temo. En tiu ĉi semajno milionoj de spektantoj en Hispanio povis nostalgiumi pri Esperanto.

Antaŭ kelkaj tagoj kontaktis nin ĵurnalisto de la stacio, demandante ĉu ni povus kontribui al tia programero. Ili profitus materialon tre malnovan, el diversaj kongresoj, kaj alian filmitan en la malnova grupo de Cheste.

Cheste estas malgranda urbeto, proksima al Valencio, kiu estis konata en esperantistaj medioj jam antaŭ la intercivitana milito, pro la tre granda proporcio de parolantoj de la lingvo, danke ĉefe al la agado de Francisco Máñez, modesta kamparano kiu celis kaj preskaŭ sukcesis esperantigi sian tutan vilaĝon. Post la milito ankoraŭ restis spuroj de tiu agado, kaj nia lingvo estis ne nur disvastigita sed esence popola afero, kun pluraj ZEOj en la urbo.

La televida skipo filmis materialon en Cheste, en la nuna grupo, kaj en Madrido, kie kunvenis aro de aktivuloj en teraso, kaj kie oni filmis ankaŭ diversan materialon, librojn kaj diskojn.

La programo estis elsendita la dimanĉon 13-an de junio, en la fruvespera kaj frunokta televidĵurnaloj, kaj oni povas ĝin spekti ankaŭ en la retejo de la televidstacio. Post la ĝenerala montrado de la malnova materialo, kun la informo ke Esperanto ĉefe




Hispana Kongreso de Esperanto 1973



grupo Lumradio en Cheste, nuntempe




Ana Manero, en Madrid

elstaris en la 50-aj jaroj, oni spektas diversajn scenojn de la grupo de Cheste, kun elparolo de iuj veteranoj, inter ili nevo de Máñez.

Poste oni mencias la sukceson de Esperanto en Ĉinio, utiligante materialon de novaĵo aperinta antaŭ kelkaj monatoj, pretigitan de la novaĵagentejo EFE. Fine, oni spektas ĝeneralan panoramon kaj materialon de la renkontiĝo en Madrido, kun intervenoj de José Antonio del Barrio kaj Ana Manero; kiel fermo sekvas langotordilo elparolita de la kuba samideano Andy Hernández.

La rezulto estas duonkontentiga. Certe la ŝanco esti vidataj en la plej spektataj televidĵurnaloj de la lando estis granda atuto, kaj ĝi konstateble vekis atenton, mezureblan ekzemple per la altigo de vizitoj al esperantistaj retejoj. Mi tamen kritikus la iom tro grandan atenton al pasintaj eventoj.

Sed ĉefe estas iom frustre konstati ke inter la pli ol duhora filmado, kun ampleksaj mencioj de tre interesaj kulturaj kaj praktikaj flankoj de la lingvo, en la fina rezulto ili preferis fokusiĝi al la anekdoto.

Nu, tiel estu. Kiel diras la malnova devizo: oni parolu pri vi en televido, eĉ se bone.

Toño del Barrio




"Senmova" estas mallonga filmo en esperanto, kun anglaj subtekstoj, de la turka reĝisoro Tugce Sen. La intrigo okazas en diktatora reĝimo kie ekzistas disidenta grupo. Por pli da informo kaj spekti la filmeton: www.tugcesen.com

# Esperanto en la ne esperanta "litera turo"

**(Troveblas aliaj en Boletín n-roj: 344, 346, 351, 354, 356)**

ANTONIO MACHADO: *Juan de Mairena"*(1936). Castalia. 2ª ed. 1983.

"El libro de la Naturaleza –habla Galileo- está escrito en lengua matemática. Como si dijéramos: el latín de Virgilio está escrito en esperanto. Que no os escandalicen mis palabras. El pisano sabía muy bien lo que decía. Él hablaba a los astrónomos, a los geómetras, a los inventores de máquinas. Nosotros, que hablamos al hombre, también sabemos lo que decimos" (Cap. XLVI) (p. 252).

ENRIQUE JARDIEL PONCELA: "Los tigres escondidos en la alcoba". En: "Tres comedias escogidas..." Aguilar. 3ª ed. Madrid, 1962.

"(...) ¿Por qué es el no moverte? ¿Es porque esa mujer, mientras bailabas, te ha "cloroformizado" diciéndote "sí"? ¿O porque te ha dicho "no" y a ti ya te da igual el presidio que el esperanto?". (p. 336).

GUILLERMO CABRERA INFANTE *Tres tristes tigres* (1967). Seix Barral. 6ª ed. Barcelona, octubre, 1995.

"(...) y saber, como sabía todo lo que hay que saber del Volapük y el Esperanto y el Ido y el Neo y el Basic English, y su teoría de que al revés de lo que pasó en la Edad Media , que de un solo idioma, como el latín o el germano o el eslavo salieron siete idiomas diferentes cada vez, en el futuro estos veintiún idiomas (...) se convertirían en uno solo, imitando o aglutinándose o guiados por el inglés, y el hombre hablaría, por lo menos en esta parte del mundo, una enorme lingua franca, una Babel estable y sensata y posible" (p. 233).

GUILLERMO CABRERA INFANTE: Vidas para leerlas. Alfaguara-Santillana. Madrid, 1998.

"Yo no quería escribir en un dialecto sino en un exclusivo idioma universal. Quería para mí la posibilidad del esperanto en la realidad del español" (p. 237).

GUILLERMO CABRERA INFANTE: "El libro de las ciudades". Alfaguara-Santillana. Madrid, 1999.

"Nosotros (gesto que podría abarcar una secta) creemos que la ropa no debe tener fronteras ni razas, que debe ser un mismo idioma para todos. De cómo este esperanto sartorial, esta volapuk de la vestimenta se convirtió en la última lingua franca de Londres, se habla más adelante(...)" (p. 24).

JOSÉ Mª GIRONELLA: "Los cipreses creen en Dios". Círculo de lectores, 1976.

"Una de las cosas que les gustaba era asistir a las reuniones de los esperantistas, en la plaza de la iglesia... ¡Porque en el pueblo había muchos esperantistas! Era un pueblo de escondidas y escalofriantes

imaginaciones (...). Gente que soñaba en sociedades universales. Anarquistas sin saberlo, demasiado sentimentales (...).” (p.289).

FERNANDO SÁNCHEZ DRAGÓ: “Gárgoris y Habidis. Una historia mágica de España”. Argos Vergara. 20ª ed. Barcelona, diciembre de 1981.

(Para construir el Templo de Jerusalén) numerosos extranjeros, en posesión de muchos y muy diferentes idiomas, colaboraron en la empresa que a pique estuvo de convertirse en otra Torre de Babel. Pero se salvó el obstáculo: alguien tuvo la hermosa ocurrencia de inventar un código cifrado para que los obreros pudieran entenderlo sin necesidad de proferir sonidos. Algo así como un esperanto gráfico de la arquitectura, un sistema de señalización similar a lo que siglos más tarde introdujeron los sabios de Grecia en el recinto de la geometría. Y se llamó Péndulo o Sello de Salomón a la figura resultante de agrupar dichos símbolos alrededor de un círculo” (p. 378).

“El barallete es o fue esperanto jacobeo, cenismo de babel, germanía de patriarcas, truhanes, ribaldos, lapetas, peregrinos, pecadores y macarras (...).” (p. 392).

ANTONIO GALA: “El don de la palabra”. Espasa-Calpe, 1996.

“La música dice cuanto no cabe en nuestra lengua, tan dividida y ardua, y resume la dignidad más alta: ser sustancia y forma de sí misma; del verdadero esperanto universal, que comienza donde no alcanzan los demás idiomas. Sin intermediario alguno, lo mismo que un perfume, nos revela la secreta armonía del mundo, y acierta en la íntima diana del corazón” (p. 256).

JUAN MANUEL DE PRADA: “Las esquinas del aire”. Planeta. 2ª ed. 2000.

“No se tragó, por supuesto, que Jimena estuviese diplomada en taquigrafía (disciplina tan arqueológica y en desuso como el idioma esperanto).” (p. 283).

JORGE LUIS BORGES: El la rakonto "El Congreso" (ene de la libro: "El Libro de arena", 1975):

"Concurrí a la biblioteca del Museo Británico en busca de un idioma que fuera digno del Congreso del Mundo. No descuidé las lenguas universales; me asomé al esperanto -que el Lunario sentimental califica de "equitativo, simple y económico"- y al Volapük, que quiere explorar todas las posibilidades lingüísticas, declinando los verbos y conjugando los sustantivos[...]"

Lorenzo Noguero

# SAT-kongreso en Rumanio





Placo Sfatului



Kastelo Bran

Dum la unua semajno de aŭgusto okazis en Braŝovo (Braşov), Rumanio, la 83a kongreso de la organizo SAT. Partoprenis ĉirkaŭ 80 kongresanoj, ne nur SATanoj, sed ankaŭ kelkaj "bonaj anĝeloj". La plejparto de la programeroj okazis en belega salono de tradicia mezlernejo Andrei Ŝaguna, dankinde pruntelasita de akademiaj aŭtoritatoj. La tutan aranĝon ege efike organizis la kongresa komitato komponita de braŝovanoj organizitaj de Rodica Todor.

La sistemo de SAT-kongreso kutime konsistas el matenaj asembleoj kie oni pridiskutas la funkciadon de la asocio, ankaŭ fare de la neSATanoj, kaj posttagmezaj prelegoj pri diversaj temoj, sed preferinde rilate al socipolitika problemaro aŭ kulturaj aferoj, pri kio SAT mem deklaras sin kiel kleriga asocio. Ĉijare oni parolis pri la sindikatoj en Rumanio, la laborista movado en Rumanio, la tutmonda krizo kaj lokaj proponoj, rumanaj lingvo kaj kulturo, la kosmologio de Martinus, rasismo, etikaj bankoj kaj interna ideo de Esperanto, fare de respektive Florin Dobrescu, Doru Neagu, Cristian Sabau, Iosif Nagy, Mihai Trifoi, Jakvo Schram, Rodica Todor, Franjo kaj Gi kaj David Kelso. Kelkaj el la prelegoj estis tradukitaj el la rumana al Esperanto kaj kompreneble ĉiuj vekis interesajn debatojn foje eĉ ardajn. Vespere oni organizas kutime klerigajn aŭ distrajn vizitojn aŭ spektaklojn kaj tiele oni ĉeestis al koncertoj de junuloj kaj komencantoj de la urbo Braŝovo, legoteatro de verko “La Kalva Kantistino” de rumanafranca verkisto Eŭgeno Ionesko, ĥoro-koncerto de germana junularo en germana fortikopreĝejo de Kirchemburg kaj rumanaj popoldancoj. Kiel ĉe ĉiu esperantaj kongresoj, ankaŭ ĉe SAT-kongresoj okazas ekskur-soj. Ĉifoje al la propra urbo Braŝovo, kie gravas la fortikaĵaj remparoj, kiuj iam protektis la hungargermanan urbon Kronstadt el eventualaj invadantoj; placoj kaj preĝejoj de la diversaj eklezioj apartenantaj al la diversaj popoloj kiuj loĝis en la areo, nome hungaroj, germanoj, rumanoj ktp. Krome oni veturis al urbo Sibiu, kie loĝis iam esperantisto Cseh (ne konfuzu kun Che!), aŭtoro de la Cseh-metodo; al kastelo Bran, kie loĝis la fama kruela grafo kiu inspiris la rolulon de Drakulo;

al kastelo de Sinaia en la Karpatoj kaj al apudaj lokoj vizitindaj.

Aldone, kelkaj kongresanoj (eĉ kelkaj nekongresanoj) povis ankoraŭ havi tempon por postkongresi kaj viziti gvidate ĉefurbon Bukareŝton (ekzemple ĉeaŭĉeskaj monumentoj kaj popola muzeo) kaj pasi tri neforgeseblajn tagojn surŝipe en la danuba delto, kie oni povis pristudi, ĝui kaj eĉ esti enfermitaj en ege eksterordinara naturmedio kie eblis rigardi birdospeciojn ne kutimajn por okcidentanoj kiaj pelikanoj, multajn ardeospeciojn kaj eĉ la orienta Blankavosta maraglo.

Kiel projekcio de la kongreso al estonteco, jen anonco de la venonta SAT-kongreso okazonta venontsomere en Sarajevo, Bosnio, kaj Deklaracio kaj Gvidrezolucio, kiuj estas dokumentoj prilaboritaj de la kongresanoj kiel konkludoj de la kongresaj debatoj, nome la Deklaracio celas la eksteran publikon informata de la kongresaj temoj dum la Gvidrezolucio celas la proprajn SATanojn alvokataj al agado kaj funkciado kaj ene kaj ekstere de la organizo. Ili ambaŭ estas atingeblaj en la retejo de SAT.

Kani

## Komuna Seminario en Vjetnamio

Ekde la 18a ĝis la 20a de decembro 2010 okazos en Hanojo (Vjetnamio) ege interesa junulara aranĝo, nome "LA KOMUNA SEMINARIO", kies ĉefa celo estas unuigi esperantan junularon, ĉefe de la aziaj landoj, amuziĝi, interkonatiĝi kaj praktiki nian lingvon Esperanton. Ĝis nun jam anoncis la partoprenon junaj esperantistoj el Koreio, Japanio, Ĉinio, Aŭstralio, ktp.

Ĉiuj partoprenontoj povas aldoni al la programo siajn eblojn, kiel kanto, poemoj, muziko, aŭ aliaj. Ĉiuj proponoj estas bonvenaj. La kotizo ankaŭ inkluzivas loĝadon kaj manĝadon. La organizantoj de la Komuna Seminario, junaj vjetnamaj esperantistoj, entuziasmaj, laboremaj, mirindaj, bone laboras por la sukceso de la aranĝo. Ili ja estas spertaj pri organizado de internaciaj aranĝoj.

Antaŭ ne longe ili organizis, interalie, ankaŭ IJK-n, Azian Kongreson, kaj nun laboras por la organizado de la UK kiu okazos ankaŭ en Hanojo en 2012. Certe la etoso estos tre agrabla, kaj mi mem, ne juna, rekomendas al la junaj esperantistoj de la tuta mondo partopreni. Certe ĉiuj revenos hejmen kontentaj kaj kun multaj belaj memoroj el Vjetnamio.

Vi povas trovi pli da informo ĉe http://www.tejo.org/eo/KS2010 a? komunikante la sekvajn retpo?tadresojn: keanu_magdark(cxe)yahoo.com kaj au.ag.phuong(cxe)gmail.com

Augusto Casquero

# Nova lernolibro en la hispana




Unu semajno antaŭ la UK en Havano aperis nova lernolibro en la hispana lingvo titolita *El Esperanto por el método directo* fare de Stano Marček. La tradukon al la hispana lingvo faris Augusto Casquero kaj la lingvan revizion de la hispana teksto faris Jesús M. García Iturrioz.

El Esperanto por el método directo estas riĉe ilustrita, rektmetoda lernolibro por komencantoj, taŭga por kursoj kaj memlernantoj, al kiuj ĝi, danke al multaj ilustraĵoj, parte anstataŭos rektan kontakton inter la instruisto kaj la lernanto.

La lernolibro jam aperis en 27 lingvoj: la angla, franca, itala, rusa, ĉina, japana, korea, portugala, pola, slovaka, Esperanta, greka, nederlanda, irlanda, rumana, germana, dana, litova, serba, vjetnama, luksemburga, hungara, kroata, finna, ĉeĥa, ukraina kaj hispana.

La 22-lecionan lernolibron, ilustritan de Linda Marčeková (filino de la aŭtoro), akompanas praktikaj didaktikaj materialoj: 500 Instruaj bildoj por rektmetoda instruado (A5-formataj, kartonaj bildoj por kursgvidantoj, kiuj kronologie klarigas la unuopajn paŝojn de la libro, en du praktikaj kofretoj po 250 bildoj), KD kun la 500 Instruaj bildoj por rektmetoda instruado (en PDF-formato, por komputila projekciado) kaj plia KD kun Modela elparolo (MP3-registraĵo kun voĉlegitaj Esperantaj tekstoj de la libro).

La studmaterialo baziĝas sur rekta, tiel nomata indukta metodo: konkludi el konkretaj faktoj ĝeneralan leĝon, laŭ kiu la lernantoj, helpe de bildoj kaj analogio, subkonscie ricevas la klarigojn de la novaj elementoj kaj poste – en tekstoj kaj ekzercoj – rerenkontas kaj ekzercas ilin ĝis alproprigo. En lecionoj, kie la akirita vortprovizo permesas klarigi novan vorton per la jam konataj, aperas en la paĝranda bildvortaro klarigo en Esperanto.




bildoj por rekt-metoda instruado

Post ĉiu rektmetoda leciono venas la sekcio Gramatiko, en kiu hispanlingvaj klarigoj firmigas la jam intuicie komprenitan materialon.

La lernolibra vortoprovizo respektas la oficialan ofteco-liston (Baza Radikaro Oficiala, Aktoj de la Akademio II), kiun AdE rekomendas por ĉiuj lernolibroj de Esperanto. Ĝi ĉerpas la 750 pleje uzatajn vorterojn (morfemojn) – komence la plej ofte uzatajn ktp – kaj garantias, ke la lernanto unue lernu la plej ofte uzatajn kaj pleje bezonatajn vorterojn, por povi interkompreniĝi en plej oftaj situacioj de la ĉiutaga vivo. Ankaŭ la gramatikaj elementoj estis antaŭe dividitaj laŭ sia graveco kaj en la libro ili aperas en tiu vicordo.




unu el la instruaj bild-kartoj

La unuopaj gramatikaj eroj estas alproprigataj en apartaj "paŝoj", kaj klarigataj per indukta metodo. Surbaze de la jam posedataj konoj, helpe de ilustraĵoj, simboloj, analogio kaj kunteksto, la lernanto komprenas la novan elementon subkonscie, intuicie. La "paŝo" prezentas la novan elementon en diversaj situacioj kaj tipaj uzoj.

La komprenon de novaj vortoj helpas bildvortaro, paĝ-randaj filmstriecaj desegnaĵoj, en kies kadroj aperas la ilustraĵoj de la entekste per ciferoj markitaj leksikaj aŭ gramatikaj eroj, kaj sekve, fine de ĉiu leciono, aperas subteksta vortareto – hispanlingvaj tradukoj de la novaj vortoj (se la lernanto tamen ne bone komprenis iun nocion). Fine de la lernolibro aperas dulingva, Esperanta-hispana kaj hispana-Esperanta vortaro, kun ĉiuj uzitaj vorteroj. Ĉiu vorto en la vortaro havas indekson, etan ciferon, kiu montras, en kiu leciono la vorto aperis la unuan fojon.

La lernolibro prilaboras la plej gravajn prepoziciojn kaj afiksojn, la problemon de -ig-, -iĝ-, participojn kaj refleksivon, kaj multajn ĉiutagajn paroltemojn, kiel familio, aĉetumado, homa korpo, tagordo, naturo, sezonoj-tempoj, kalendaro ktp. La tekstoj estas priskribaj, monologaj kaj inter la didaktikcelaj materialoj legeblas ankaŭ proverboj, poemoj, fabeloj kaj literaturaĵoj.

La ekzercoj legigas, skribigas, respondigas kaj atentigas pri parkerigindaĵoj. Utila parto estas la librofina parto "La ĉiutaga Esperanto", en kiu troveblas laŭtemaj listoj de plej oftaj parolturnoj de la lingvo. Antaŭ la ferma enhavtabelo aperas retejoj de E-asocioj en landoj, kie oni parolas la hispanan, kaj aliaj utilaj retejoj (E-radioj, kursejoj, enciklopedioj ktp).

La libro kostas 7,50 eŭrojn kaj estas mendebla ĉe bonaj libroservoj, aŭ (kun triona rabato!) rekte ĉe la aŭtoro kaj la eldoninto: stano.marcek(cxe)gmail.com.

Stano Marcek

# Universala Kongreso en Havano




La 17-an de julio, en Palacio de Convenciones, kiu estis la Kongresejo de la 95ª UK, ni ricevis, post longa vico, la kongresajn dokumentojn. Dum la vojo al la giĉeto por ricevi ilin kaj dum la atendado, ni havis eblecon saluti plurajn amikojn kaj konatulojn de pasintaj UK. Dum tiu tago, mi partoprenis en la kunsido de la Komitato de UEA, kiel anstataŭanto de la komitatano de HEF.

Interesa estis la Movada Foiro kun multaj standoj el diversaj naciaj, regionaj kaj fakaj asocioj, kiujn oni starigis en la granda halo.

La 18-an okazis la Solena Inaŭguro de la Kongreso en Salono Zamenhof. Post bonvenigaj vortoj de la Prez. de UEA, kiuj prezentis la podianojn, sekvis bela kaj sentema paroladeto de la Prezidanto de la LKK, S-ro Hernández, invitante la gekongresanojn ĝui kaj Havanon kaj la kongreson.

Profitante la tagon de Nelson Mandela, S-ro Vergara legis tekston per kiu Esperanto aliĝas al tiu speciala Tago starigita de UN. McGill, Prezidanto de ILEI, menciis la ILEI-Kongreson okazinta en Matanzas, kaj S-ro Osmo Buller anoncis la novan estraron. Sekvis la salutoj de reprezentantoj de la Landaj Asocioj. Salutante nome de Hispanio, Rafaela Urueña, kiu, laŭ propono de Vergara, salutis ĉiujn en la propra lingvo, per difinita frazo, ŝi salutis kastillingve per la jena frazo: " el hombre es un ser sociable por naturaleza y libre de ir de un lugar a otro. El derecho de comunicación es un derecho natural y principio de solidaridad", de Francisko de Vitoria, Patro de la Internacia Juro. Post diversaj kantoj de junulara kuba koruso finiĝis la inaŭguro per la himno La Espero.

Posttagmeze Dro Tonkin, rektoro de IKU, prezentis la prelegontojn, kiuj, skize, prezentis la temojn de iliaj prelegoj, kaj sekve li mem prelegis pri Shakespeare kaj la paralelismo inter li kaj Zamenhof kiel aŭtoro de Esperanto; ĉar ambaŭ transiris la limon de iliaj naskiĝurboj kaj fariĝis universalaj.

Je la 5-a mi ĉeestis la prelegon de S-ro Besada pri Kubo. Li elstarigis la personojn kiuj kontribuis al la nacia propra kuba kulturo: Felix Varela, Manuel Zequeira, Gertrudis Gómez de Avellaneda, k.t.p, kiuj antaŭenigis la filozofion de la moderneco. Fine, vespere, en la Teatro Mella, okazis la Nacia arta vespero.

La 19-an, kadre de la Kleriga Lundo okazis la Kunsido pri UN kaj Unesko prezidate de Tonkin. En la sino de la IKU-prelegoj, la vico estis por D-ino Urueña, kiu prelegis pri la "Protektado de la Medio kaj daŭropova evoluo"



prelego de Rafaela Urueña

Vespere, mi denove partoprenis en kunsidon de la komitato de UEA kaj en la Kabaredo, en kiu mi ĝuis diversajn dancojn kaj muzikojn tipe kubajn.

Marde, mi partoprenis duontagan ekskurson tra la spuroj de Hemingway: Finca Vigía, Monumento en Cojimar, vendejo de famaj cigaroj Romeo y Julieta kaj vizito al trinkejo Floridita kie ni gustumis daikirion. Vespere, ni ĉeestis la akcepton kiel membroj de la Societo Zamenhof.

Merkrede, estas tradicia tago por ekskursoj en la UK. Mi ekskursis al Varadero.

La 22-a okazis EJA-kunsido, prelego de Maritza Gutierrez, kaj D-ino Urueña prelegis en la sino de AIS pri la klimatŝanĝo. La akcepto de la Alta Protektanto en la internacia salono de hotelo Riviera, kunigis multajn kongresanojn kiuj estis regalitaj per abunda bufedo. Fine, en Teatro Nacional okazis la "Canto general" de Neruda-Theodorakis. La sekvantan tagon, denove D-ino Urueña prelegis en AIS pri "La akvo: fonto de vivo, fonto de konfliktoj" kaj mi ĉeestis la amuzan kvizon gvidita de Prof Tonkin.

Fine la 24-an estis la Solena Fermo. Post la kutimaj prezentadoj de la podianoj kaj informoj pri la premiitoj en la belartaj konkursoj, venis la transdono de la flago al la prezidantino de la estonta UK en Kopenhago. La Fermo finis per la dankvortoj de la Prezidanto de LKK kaj donaco de floro al ĉiu membro de la Organiza Komitato.

L Hernández



Kapitolio kaj Granda Teatro de Havano
(Vikipedio)

# *Ifono*, finfine, povas skribi esperante

Nia samideano Aleĥandro faris programeton por skribi esperante en iFono (*IPhone*), la portebla telefono de la entrepreno *Apple*. Li, afable, akceptis respondi al niaj demandoj pri la afero.







ekranfoto de la programeto funkcianta. Ĝi ankaŭ adaptiĝas al horizontala pozicio

*Saluton Aleĥandro. Vi estas tre fama en esperantujo :-) sed, ĉu vi povas rakonti iomete pri vi:*

Ĉu mi estas fama? ne! Mi naskiĝis en Meksikurbo, antaŭ preskaŭ 35 jaroj, kaj mi scipovas la internacian lingvon ekde antaŭ 9 jaroj. Mi estas meĥanika inĝeniero, laborante pri desegnado de aŭto-partoj. La unua kialo por lerni esperanton estis... ke mi ŝatas algebron, kaj por mia menso, esperanto estas vorta algebro.

*Vi faris programeton por skribi en Esperanto kies nomo estas "Ĝusta Klavaro", kial?*

Mi helpis mian fraton fari alian programon por Apple komputiletoj... FlickrStackr (vidilo por fotoj en Flickr) .. kaj mi pensis ke nun, ke li scias kiel funkcias Apple kaj sia AppStore, devus esti facile fari etan programon por tajpi ĉapelite.

Mi ĉiam pensis ke ĉapelitaj literoj estas belaj... kaj oni devas fari ĉion eble por uzi ilin.

*La unua versio de iFono havas tri jaroj, pli malpli, kial nun la programo?*

Ĝis nun mi ne konis kiel uzi oficialan vendejon por disdoni programojn.. sciante kiel funkcias, faciligis la disdonadon.

*Kiom da tempo vi bezonis por fari la programon? Ĉu estis facile fari ĝin?*

Du noktojn :)

*Mi demandas ĉi tion por scii kial neniu antaŭe decidis fari la programon.*

Mi mem ne havis ifonon, do mi ne sciis pri la manko de ebleco tajpi rekte.

*Mi vidas ke la programo estas senpaga, ĉu vi ne pensis ke vi povus gajni iom da monon per ĝi?*

En esperantujo ni ĉiuj estas amikoj... ĉu ne? Se mi eraras pri tio, ne diru al mi. :-P

Mi estas ankaŭ pasportaservano, do tiu ne estas la unua fojo kiam mi donas ion al samideano senkoste.

*Apple ne pensas multe esperante. Ĉu vi kredas ke iam ni havos la programojn de Apple en nia lingvo Esperanto?*

Mi pensas ke estas la samo.. relativa kvanto ol en aliaj sferoj de la vivo... bedaŭrinde nun ni estas malplejmulto.... do.. ankaŭ la programoj malplejmultas.

*Ĉu via programo ankaŭ funkcias sur iPad?*

Jes.. estas universala programeto: ifono/ipodo/ipado horizontale/vertikale.




piktogramo de "Ĝusta klavaro"

*Ĉu vi havas iun projekton pli pri Esperanto kaj komputiloj?*

Mi havas senkostan kurson por hispanparolantoj (mia denaska lingvo) ĉe http://kurso.jubilo.ca ... tio estas mia maniero helpi la movadon.

*Laŭ via opinio, kiu gajnos la "esperantan batalon", Android aŭ iOS? (Android estas operaciumo de Google kaj iOS de Apple)*

Mi opinias ke en esperantujo estas ... pli granda kvanto de... linuks-emuloj (kompare al ĝenerala monda loĝantaro) ... Do eble inter ni *Android* estas iom pli ofta.. sed tio estas nur opinio. Mi ne havas nombrojn por scii la veron.

*Ĉu vi kredas, ke vian programon faros ke pli da esperantistoj elektu iFonon kiel ilian poŝtelefonon aŭ ne?*

Ne, tial ke eblas tajpi en android ankaŭ la ĉapelitajn.. do .. nun eblas en ambaŭ...

Vi povas elŝuti la programon ĉe la Apple-vendejo http://bit.ly/gxusta kaj se vi volas scii plu pri Aleĥandro vi povas rekonti lin en Twitter kial @jubilo_eo kaj en la retpaĝo http://ttt.jubilo.ca

Ni kore dankas al Aleĥandro

Juanjo

# Doñana 40-jara

**(La antaŭa parto estis publikigita en Boletín n-ro 388)**

La purigo de la kotaĵoj estis pli rapida ol ni pensis, sed oni devis reenordigi la tutan teritorion. Post mallonga tempo aperis gravaj iniciatoj, kiel la "Corredor Verde del Guadiamar" promociita de la Andaluza Registaro kaj la Plano Doñana 2005, impulsita de Ministerio pri la Medio.

La mina akcidento de Aznalcóllar, estis duobla atentiga alvoko: ne sufiĉas okupiĝi pri la protektata areo, oni devas prizorgi Doñana-n en ĝia tuteco, eĉ pli amplekse ol la leĝaj limoj, kaj la ŝlosilo por solvi kiun ajn katastrofon troviĝas en la kunlaborado multedisciplina de administracioj, scienculoj, civitanoj kaj nia NRO (NeRegistara Organizo).

**Pri la strategioj de konservado kaj ilia adaptado**

Dum oni ekfunkciigis tiujn projektojn, unuafoje en 2002, WWF kunligis Doñana-n al konsekvencoj de la globala varmigo. Laŭ Spertuloj Interregistaraj pri la Klimata Ŝanĝo (UN) kaj aliaj sciencaj modeloj, por la mezo de la nuna jarcento la hidrologia rimedo en la baseno de la rivero Guadalquivir, malpliiĝos 34%. Estos novaj konfliktoj, sed ili estos eviteblaj, se oni malpliigas la akvan konsumon de la agrikulturo kaj turismo, kaj oni adoptas mezurojn pro la klimata ŝanĝo. Tiel oni devos orientigi la subvenciojn, cele malpliigi la akvo-konsumon, kaj estigi aliajn praktikojn pli efikajn.

En 2006 la disvolviĝo de Doñana donis novan paŝon antaŭen rilate al ĝia subteneco, kun la redaktado de la dua Plano pli partoprena ol la antaŭa. Por kontribui al debato, en februaro de tiu jaro, nia NRO publikis la informon "Problemoj Mediaj de la areo de Doñana", en kiu oni eksponis la precipajn minacojn devenantaj de la agrikulturo, la substrukturoj pri la vojaj servoj, kiel la vojo de El Rocío ĝis Matalascañas, la turismo, la industriaj aktivaĵoj, la urbaj nukleoj, la navigado tra la rivero Guadalquivir kaj ĝiaj dragadoj, kaj aliaj kiel incendioj, specoj de bestoj , veneno ktp.

La intenco de WWF - Hispanio estis meti ĉiujn problemojn, kiuj minacas Doñana-n tiel, ke ĉiu loka kunlaboranto akceptus sian respondecon. Iuj urĝaj temoj estis kaj ankoraŭ estas la eksterleĝa okupado de publikaj montoj kaj la uzado de la akvo-hava tavolo, pro la ekspansio nekontrolita pro la kultivado de fragoj ekde milnaŭcent-okdekaj jaroj. Ankaŭ la supereкspluatado de la akvo-tavolo malfavoris la naturan medion. La agrokulturistoj, la fragmentigo de la teritorio pligravigita de la vojoj kaj la kreskanta urbigado minacas izoligi Doñana-n kaj porti ĝin al ekologia kolapso. Ĉi tiu denunco estis akompanata de la laboro kun la terkulturistoj por plibonigi iliajn laborojn kaj kun la celo, ke la eŭropaj superbazaroj valoru komerce la laboron de tiuj, kiuj klopodas redukti la mediajn afekciaĵojn.Ankaŭ oni proponis planon por reordigo de la agra spaco, kiun finfine ellaboris la Aŭtonoma Registaro en decembro 2007, agnoskante la gravecon de la problemo kaj donante

respondon al la agrokulturistoj pri ilia leĝa situacio. En dumil sep kaj dumil ok oni realigis denovan taksadon kaj oni analizis la riskojn kaj ŝancojn. Kvardek jaroj antaŭe, kiam oni aĉetis terenojn por la kreado de Nacia Parko, por savi Doñana-n, surprizas la faktoj, ke kelkaj problemoj (la senakvigado de la marĉeĵoj, plantado de eŭkaliptoj, turismo de suno kaj strando, minejoj, aŭtovojoj, ktp) restas vivantaj en la agendoj de iuj administrantoj kaj politikistoj.

**La Futuro kiel unika spaco**

Komence je la nova jarcento, la centra registaro transdonis la prizorg-rajtojn pri la Naciaj Parkoj al la Aŭtonomaj Komunumoj kaj tiu de Andaluzio prenis tiun de la Nacia Parko, unuigita al Natura Parko, nun estas konata kiel Natura Spaco Doñana. En la aktualeco la plej granda defio estas prizorgi ĝin, kiel unika spaco, integrante la maran parton de la Nacia Parko, kaj ĝian logikan uzadon de la teritorio kaj ĝiaj rimedoj. Ĉi tiu singulara natura armaturo troviĝas en dekkvar municipoj, kie loĝas centmil okcent personoj kaj ĝia biologia riĉeco devas esti akceptata de la loka loĝantaro kaj politikistoj, kiel zorga havaĵo, ĉar ĝi estas la subtena bazo de la zono. Kun la apogo de Fonduso MAVA, en WWF - Hispanio daŭre ni laboros por rehavi la naturan funkciadon de la marĉejoj, kaj eviti la koliziojn pri la estuaro de la rivero Guadalquivir kaj favorigi la restrukturon, ampleksigi la maran surfacon protektatan de la Nacia Parko, pro ĝiaj specialaj naturaj karakterizaĵoj kaj ĝia grava fiŝkaptadeblo, kaj antaŭeniri al la adaptado de klimata ŝanĝo en la natura kaj homa, kaj por ke projektoj kiel la nafto-dukto de la refinejo Balboa ne realiĝos, ĉar tio signifas la navigadon de 100 petrol-ŝipoj ĉiujare je la pordo de Doñana. Ni luktos por plibonigi la lokan ekonomio sen perdi la biodiversecon, kiu estas agnoskita kiel Monda Havaĵo.

L. Serrano



iberia linko



kormoranoj (ambaŭ fotoj el Vikipedio)

# Fame konata Tsingtao-Biero (Ĉinio)

Tsingtao-Biero ekproduktita en 1903 estas ne nur ŝatata de ĉinoj, sed ankaŭ vendata en aliaj dekkelkaj landoj kaj regionoj. Lokanoj havas la diron, ke por alilandanoj ne gustumi Tsingtao-Bieron en Qingdao signifas ne viziti la Grandan Muron en Ĉinio. Nun Tsingtao-Biero jam fariĝis nomkarto de la urbo. Laŭdire, iu Qingdao-ano ĉeestis bankedon eksterlande, kiam la majstro prezentis lin al la aliaj ĉeestantoj, li ne vekis atenton, sed kiam la mastro diris ke tiu ĉi gasto venis el la urbo produktanta Tsingtao-Bieron, ekbruis tuj varma aplaŭdo.



La Biera Strato de Qingdao

Tagmeze de la 25-a de julio, 2010, invitite de mia amiko, mi gustumis originalan bieron en la Biera Strato de Qingdao, poste ni kune vizitis la Muzeon de Tsingtao-Biero, kiu estas la unua kaj ankaŭ la unusola biera muzeo de Ĉinio.

Parolante pri Tsingtao-Biero, oni ne povas ne diri la historion pri la aflikatantaj ĉinoj. En la jaro 1897, germana trupo okupis Qingdao, kaj en la sekva jaro devigis la tiaman registaron de Qing-dinastio subskribi neegalecan traktaton kaj "luis" Jiaozhou-Golfon. En Qingdao, germanoj trovis ke la akvo en Qingdao estas tre bona kaj estas tre taŭga por fari bieron. Tial, en la jaro 1903, germana kaj brita komercistoj komune konstruis fabrikon de Tsingtao-Biero. Tiam la biero estis ĉefe liverita al la germana garnizono kaj fremdlandanoj en Qingdao.



La pordo de la Muzeo de Tsingtao-Biero

La Muzeo de Tsingtao-Biero estas konstruita en la originala germana bierfabriko. Tie oni povas ne nur koni la disvolvan historion de Tsingtao-Biero, sed ankaŭ senti ĝian profundan kulturan enhavon. Krome, oni povas vidi tie la modernan teknologian procezon, kaj adoltuloj ankoraŭ povas gustumi la originalan bieron ĵus produktitan.



vizitantoj



Statuoj en ĝardeno de la muzeo

Enirinte la pordon de la muzeo, oni unue vidis du statuojn: Unu statuo estas fremdlandulo, kies maldekstra mano tenas glasegon plenan de biero, kaj la dekstra brako bieran barelon. Alia statuo estas numeralo "cent" formita el araba cifero "unu" kaj du bieraj bareloj, kiu signifas la cent-jariĝon de Tsingtao-Biero. En la 15-a de aŭgusto, 2003, por celebri la 100-an datrevenon de Tsingtao-Biero, oni inaŭguris la statuojn kaj malfermis la muzeon.

La muzeo konsistas el tri partoj: ekspoziciejo pri centjara historio kaj kulturo de Tsingtao-Biero, bier-produkta teknologia procezo kaj amuzejo. Inter ili, la unua parto estas la plej valora. Tie tra detalaj bildaj kaj tekstaj dokumentoj, oni povas koni la longan historion de Tsingtao-Biero, ĝiajn multajn honor-atestilojn kaj vizitadojn de ŝtataj gvidantoj de Ĉinio. La ĉiĉeronino diris, ke en la jaro 1906, Tsingtao-Biero gajnis oran medalon en la Munkena Foiro, tio okazis je 9 jaroj pli frue ol kiam ĉina fama Maotai-brando gajnis oran medalon en la jaro 1915 en Panama Foiro.

En la muzeo, plej profunde impresis la vizitantojn la elektra maŝino, kiu estis produktita en la jaro 1896 kaj nun ankoraŭ povas funkcii. Laŭ diro de la ĉiĉeronino, en 1997, la Germana Kompanio Siemens, produktinto de tiu maŝino, volis aĉeti ĝin per alta pago, sed la Fabriko de Tsingtao-Biero rifuzis tion. Oni diris, ke la eksponataj instalaĵoj estas uzitaj de la Fabriko de Tsingtao-Biero antaŭe. Nun, ili "maljuniĝis", tamen atestas la centjaran ŝanĝiĝon de la Fabriko de Tsingtao-Biero.



Elektra maŝino kun centjara historio

Per konigo de la ĉiĉeronino kaj klarigo de ekspoziciaĵoj, mi plej profunde sentis la grandan progreson de teknologio pri bierfarado. En la 20-aj jaroj de la 20-a jarcento, oni sternis malsekigitajn hordeojn rekte sur la planko por ĝermigi ilin, sed nun oni uzas modernajn kestojn por ĝermigi ilin; antaŭe, oni uzis kotonon en la filtrilo por filtri bieron, sed nun oni uzas la filtran produktolinion regatan de komputilo, kiu povas filtri 120 tonojn da biero hore; antaŭe oni permane enboteligis bieron per malnova ekipaĵo, kiu montriĝas en la muzeo, sed nun moderna maŝino povas plenigi 20 skatolojn aŭ 10 botelojn per biero sekunde.

En la muzeo, ni povas ne nur koni la koncernajn sciojn pri biero, sed ankaŭ vidi la klopodon de la Fabriko de Tsingtao-Biero en esplorado de cirkula ekonomio kaj plibonigo de monda medio. La muro kun surskriboj pri temoj de Monda Media Tago de la pasintaj jaroj ĉiam atentigas la fabrikantojn de Tsingtao-Biero kontribui al la mond-media pliboniĝo, pri tio ili havas sian koncepton pri medio "bona rekompenco pro bona intenco". En la Fabriko de Tsingtao-Biero, ni ne vidas ajnajn forĵetaĵojn, ĉar ĉiuj forĵetaĵoj estas "ŝanĝitaj en valor-aĵojn": la karbocindro estas uzita por fari brikojn; oni uzas rompitaĵojn de vitro por fari bierajn botelojn; la bierfeĉo estas uzata kiel porka nutraĵo; krome, oni ankaŭ uzas eluzitan biergiston por fari medikamentojn, kaj la traktitan malpuran akvon por akvumi arbojn.



Aŭtomata produktolinio

En la Muzeo de Tsingtao-Biero estas tre amuza kaj interesa ebriiga dometo. Aspekte ĝi estas nur ordinara dometo, sed se vi eniros ĝin, ĉu vi trinkis aŭ ne trinkis bieron, vi fariĝos ebria. En la dometo, ĉiuj iras per ŝanceliĝaj paŝoj kiel ebriuloj. Se ne ekzistus apogrelo sur la muro, mi certe falus. Tiam mi tuj komprenas la atentigon sur la plato ĉe la pordo de la dometo: "Ne eniru la malsanuloj de supertensio, kora malsano".



Sento en ebriiga dometo

Elirinte el la ebriiga dometo, ni venis en la bufedejon de Tsingtao-Biero, kie la vizitantoj povas aĉeti memoraĵojn pri la biero. Gustuminte la freŝan bieron, ni foriris el la muzeo - la unusola biera muzeo de Ĉinio.



Bierumado

Li Jianhua

# Fotisto de antikvaj arboj

Delonge mi aŭdis ke en Qingdao vivas famulo konata kiel "Reĝo de antikvaj arboj", kiu ne nur eldonis monografion "Arba animo - apreco de antikvaj kaj famaj arboj en Laoshan-distrikto de Qingdao", sed ankaŭ okazigis ekspozicion pri fotoj de antikvaj arboj. Profitante la vojaĝon en la urbo Qingdao, en Shandong-provinco en orienta Ĉinio, mi vizitis la "Reĝon de antikvaj arboj" - profesoron Wu Xinyuan.



Profesoro Wu Xinyuan

Qingdao ne estas urbo kun historio nur de cent jaroj.

Wu Xinyuan estas profesoro de iu lernejo de Qingdao. Antaŭe, mi aŭdis ke Qingdao havas nur historion de ĉirkaŭ cent jaroj, kaj estas loko kun malriĉa kulturo. Pri tio mi konsultis profesoron Wu. Li diris: "Ni povas diri, ke kiel urbo, Qingdao havas historion de cent jaroj, sed estas malĝusta la opinio ke Qingdao-regiono havas historion nur de cent jaroj. Ĉar la antikvaj arboj fotitaj de mi povas pruvi ke la historio de Qingdao estas pli-ol-cent-jara!" En la lernejo, profesoro Wu instruas teknikon de verkado, sed li tre ŝatas fotografion, precipe ŝatas foti antikvajn arbojn kaj konstruaĵojn. Multaj fotoj de profesoro Wu estis premiitaj en fotokonkursoj en Hongkong.



Bela urbo Qingdao

En la komputilo de profesoro Wu, mi unuafoje konis la historion de Qingdao per la de li fatitaj antikvaj arboj: la fosilia ligno de kretaceo malkovrita en Qingdao pruvas ke Qingdao formiĝis inter 145.5 milionoj da jaroj kaj 65.5 milionoj da jaroj; ankaŭ la cipreso en la korto de Taiqing-palaco (la sankta loko de taoismo en Qingdao), kiun plantis la iniciatinto de la palaco antaŭ 2150 jaroj, kaj pli-ol-1140-jara ginko pruvis ke la historio de Qingdao estas multe pli longa ol cent jaroj; la soforo kun aĝo de pli ol 630 jaroj en Pingdu-gubernio, kaj la deodaroj alportitaj en Qingdao inter la fino de la 19-a jarcento kaj komenco de la 20-a jarcento atestas ŝanĝiĝojn de Qingdao en la pasintaj pli ol cent jaroj.

Vidante la fotojn de antikvaj arboj faritajn de profesoro Wu, kiu povas diri ke Qingdao nur havas historion de cent jaroj?



La fosilia ligno

## Pena laboro por la albumo

Profesoro Wu ekŝatis fotadon en 1989. Kvankam fotado estas nur lia hobio, sed li rikoltis en tiu fako riĉajn fruktojn - Liaj fotoj gajnis oran, arĝentan kaj kupran medalojn en fotokonkursoj de Hongkongo. Krome, eldoniĝis lia albumo "Arba animo --apreco de antikvaj kaj famaj arboj en Laoshan de Qingdao" kun poemoj, fotoj, scioj pri medikamentoj kaj ekonomio kaj antikvaj rakontoj kiel enhavo, por kiu li foruzis tri jarojn.

Profesoro Wu diris, ke li komencis foti antikvajn arbojn en la jaro 2002, kiam li ĉeestis kunvenon en Ningbo, urbo de Zhejiang-provinco en orienta Ĉinio. Veturante preter Taihu-lago, li estis forte animskuita de iu antikva arbo. De tiam, li decidis serĉi antikvajn arbojn en Qingdao kaj foti ilin por veki la publikan konscion pri protektado de antikvaj arboj.




La albumo kompilita de profesoro Wu



2150-jara cipreso

En Qingdao ekzistas pli ol 1240 antikvaj kaj famaj arboj, kiuj dissemiĝas en la tero kun areo de 10,650 kvardrataj kilometroj. Granda malfacileco estas por trovi ilin. Estas feliĉe ke li trovis libron "Antikvaj kaj famaj arboj de Qingdao" eldonitan de loka forsta departemento, kiel gravan referencan materialon. Eĉ se tiel, mi tre admiris lin, ĉar tiu ĉi libro enhavas 200 paĝojn, pli ol 150 fotojn kaj pli ol 100 mil vortojn, kaj profesoro Wu finis ĝin nur en 3 jaroj en sia postlabora tempo. Por reliefigi la belajn branĉojn de antikvaj arboj kaj de ili elspiritan kulturan kaj humanisman etoson, li fotis ilin nur inter aŭtuno kaj vintro, kiam falis la folioj. Krom frosta vento, trafiko estis granda problemo, ĉar tiuj ĉi antikvaj arboj vivas ĝenerale en profundaj montaroj aŭ en temploj aŭ vilaĝoj, kaj li nur havis ordinaran motorciklon; por foti antikvajn arbojn en malproksima loko, li devis veturi al la loko per longdistanca aŭtobuso, poste per malgranda buso aŭ privata motorciklo; por redukti la elspezon, li nur gastloĝis en malmultekosta hotelo; foliumante la albumon, oni povas vidi lian persistemon kaj neflekseblecon.



Antikva arbo fotita dum neĝado

Por aldoni al siaj fotoj poemojn, profesoro Wu elektis poemojn pri arboj verkitajn de pli ol 150 poetoj en- kaj eksterlandaj kaj ankaŭ li mem verkis kelkajn. Krome, li ankaŭ detale konigis al legantoj la kulturan originon, legendon, biologian karakteron, ekonomian kaj kuracadan valoron de la arboj. Aprecante la belajn fotojn, la legantoj ankaŭ povas vidi la multegan laboron de profesoro Wu.

Eldonite, la albumo estas vaste atentata de la publiko, kaj ĝin multe raportis amaskomunikiloj.



Foto farita de profesoro Wu

## Serĉi antikvajn arbojn en la tuta Ĉinio

Post plenumo de fotado de antikvaj arboj de Qingdao, profesoro Wu turnis sian fotadon al tiuj de la tuta provinco eĉ la tuta Ĉinio. Lastatempe, li jam finis la studtemon "Esplorado de konigado kaj protektado de antikvaj arboj de Shandong-

provinco" iniciatita de Shandong-a Soci-scienca Akademio.  Nun li fotas antikvajn arbojn de la tuta lando kaptante ĉiujn ŝancojn.

Antaŭ ol profesoro Wu ekveturis al Jiangxi-provinco por ĉeesti iun konferencon, mi vizitis lin en lia hejmo. Mi ne komprenis, kial li, ne fakulo pri arbaro, konas ĉiujn antikvajn arbojn en ĉiuj provincoj. Ĉu laborantoj de loka forsta departemento helpis lin? Vidante la libron "Mirindaj Ĉinaj Arboj", mi tuj komprenis. La libro, kiun ekkompilis specialistoj de la Ŝtata Forstuma Administracio de  en 1995 kaj eldonis en 2003, estas enciklopedio pri antikvaj arboj de Ĉinio. Ĝi enhavas pli ol 1800 fotojn pri antikvaj arboj de ĉiuj provincoj, municipoj, aŭtonomaj regionoj kaj Hongkongo, Makao kaj Taiwan. Ĉi-foje pro ĉeestado de konferenco, profesoro Wu unue veturos Jiangxi-provinco en sudorienta Ĉinio kaj poste al Shaanxi-provinco en meza Ĉinio, kaj post tio, li ankaŭ vizitos Qinghai-provincon kaj Ningxia-an Hujnacian Aŭtonoman Regionon por "viziti" lokajn famajn antikvajn arbojn.




"Mirindaj Ĉinaj Arboj" kaj "Antikvaj kaj Famaj Arboj de Qingdao"

Ĝis nun profesoro Wu jam vizitis 27 provincojn, municipojn kaj aŭtonomajn regionojn. Post tiu ĉi konferenco, nur Tibeto, Hainan-provinco, Hongkong kaj Taiwan restos ankoraŭ ne vizititaj de li. Mi kredas, ke li ne ĉesos siajn paŝojn antaŭ ol li finfotos ĉiujn antikvajn arbojn

Li Juanhua

## Danko

Ni kore dankas al Kani, Augusto, Toño, Lorenzo, Stano, Luis Hernández,  Aleĥandro, L. Serrano, Miguel Hernández, Li Jianhua inter aliaj por la  sendo de la diversaj artikoloj al ĉi tiu bulteno.

Kaj ne forgesu: se vi volas skribi artikolon, komenton, kritikon, ktp por la venonta bulteno, sendu ĝin al bulteno(cxe)esperanto.es"

# HEJS fariĝas interreta

Kiel ĉiuj scias, nuntempe interreto regas nian mondon kaj estas la ĉefa komunikilo por milionoj da junuloj tra la tuta mondo. Pro tio, dum la somero, la skipo de HEJS (Hispana Esperanto Junularo Societo) decidis krei profilojn ĉe la plej uzataj sociaj retoj. Unue, por uzi ĝin kiel komunikilo inter niaj membroj, sed ankaŭ por esti pli videblaj kaj espereble kapti la atenton de pli kaj pli junuloj, ĉi tie kaj en la tuta mondo...

Ni elektis la jenajn sociajn retojn, ĉar ni kredas ke ili estas la plej uzataj inter niaj membroj kaj en esperantio. Espereble vi ŝatos ilin:

- Facebook:

www.facebook.com/HEJSesperanto




- Tuenti:

Serĉu nin kiel Hispana Esperantista Junulara Societo




- Twitter:

www.twitter.com/HEJSesperanto




Aldone, ni starigis novan projekteton por niaj membroj ene de nia profilo ĉe Facebook. Temas pri fotaro nomata HEJSanoj tra la mondo, kie niaj membroj povos aldoni siajn fotojn pri siaj vojaĝoj kaj spertoj tra esperantio... Ni atendas viajn fotojn!!

Fine, ne forgesu ke ĉiuj la informoj interesaj por la junlara movado en Hispanio troviĝas en nia retpaĝaro:

www.esperanto.es/joven

Miguel Hernández,

prezidanto de HEJS